

La I.F.E.F.-estraro deziras al ĉiuj membroj, kunlaborantoj kaj legantoj,feliĉan sukcesplenan novjaron kaj esperas akcepti multnombrajn partoprenantojn okaze de nia internacia kongreso en Le Mans.



*Ne forgesu : post la 1-a de februaro la kongreskotizo plialtiĝos.*

*Ifef-membro : 380 FF*

*Familiano kaj junulo : 180 FF*

*Ne IFEF-membro : 480 FF*

**Frontpaĝo :**
Atlantika TGV alvenanta en la stacidomon Le Mans

## Enhavo




# 51a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)

## 8a-15a de majo 1998 en Le Mans Francio

Adreso : 51a IFEF-kongreso
U.A.I.C.F.
7 rue du Château-Landon
FR-75 010 Paris

Poŝtĝirokonto :

*Nomo* : **Ass française des cheminots pour l'espéranto**

*Numero* :**5214 - 35H** *Centro* : **Paris** *Indiko dorse* : **51a IFK en Le Mans**

**LKK Komuniko n-ro 3 pri 51a IFK**

***Pago pere de Eŭroĉekoj***

Por la partoprenantoj el Aŭstrio, Belgio, Finlando, Germanio, Hispanio, Irlando, Italio, Luksemburgio, Nederlando, Portugalio, eblas (eĉ dezirinde) pagi surloke pere de eŭro-ĉekoj. En via lasta fakturo la ŝuldota sumo estos skribita en francaj frankoj kaj en Eŭroj.

***Bonvolu peti antaŭe specialan eŭropan ĉekon de via bankoficejo aŭ poŝtoficejo.***

# POSTKONGRESO EN NORMANDIO

## *Ekskurso en Monto Sankta Mikaelo*

Apud la okcidenta limo de Normandio proksime de Bretonio etendiĝas vasteco, kiu longas 22 kilometrojn inter la urboj Granville kaj Cancale : la Golfeto de Monto Sankta Mikaelo.

Tie, po dufoje tage la maro forfluas ĝis 12 kilometroj de la bordo kaj danĝere resuprenigas rapide. Du rokaj insuletoj superstaras tiun vastaĵon, sur kiuj, laŭ la kelta mitologio, la animo de la mortintoj estis transportitaj por ripozi eterne. Ili estis nomataj "La Monto Tombe" kaj poste "Tombelaine".

En la jaro 708 la episkopo de la normanda urbo Avranches konstruigis sur la "Monto Tombe" preĝlokon konsekritan al Sankta Mikaelo, kiu, de tiam estis nomita Monto Sankta Mikaelo kaj iĝis celo de pilmigrado. La unuaj fortikaĵoj defendis la insuleton kontraŭ la vikingaj invadoj.

Dum la deka jarcento kripta preĝejo "Nia Damo de Subtero" anstataŭis la preĝlokon kaj en jaro 996 la unuaj benediktanoj al venis. La unua abatejo estis konstruita laŭ la romanika stilo, parte supre de la kripta preĝejo.

En jaro 1203, la reĝo de Francio atakis la normandan Monton Sanktan Mikaelon. Li ne sukcesis invadi la abatejon, kiu estis parte incendiita.

Kelkajn jarojn pli poste en 1228 la konstruado de la gotika abatejo nomita "La Mirindaĵo" estis finfarita. Same novaj fortikaĵoj estis starigitaj. Plie, garnizono, sub

la ordonoj de la abato, protektis la lokon.

Dum la centjara milito, la angloj okupaciis la insuleton "Tombelaine". Malgraŭ pluraj sturmoj (lastan jaron en 1434) ili ne sukcesis la konkeron de la Sankta Monto kaj definitive foriris de "Tombelaine" en la jaro 1450.

Prospera erao sekvis tiujn eventojn. En la jaro 1469 la franĉa reĝo Ludoviko la dekunua kreis la reĝan ordenon de Sankta Mikaelo. La prestiĝa abatejo radiis !



*Monto Sankta Mikaelo*
*La manĝejo de la monaĥoj*

Dum la deksesa jarcento la religiaj militoj estis danĝero-periodoj, sed la abatejo rezistis al la sturmoj. Poste, iom post iom, la moroj de la religiuloj malrigoriĝis. Estis la dekadenco ! Jaron 1622 novaj monaĥoj alvenis kaj restadis ĝis 1790, epoko de la franca revolucio. De la fino de la dekoka jarcento ĝis 1863 la abatejo estis uzita kiel malliberejo. La konstruoj estis damaĝitaj.

Feliĉe la abatejo kaj la remparoj estis klasifikitaj kiel historiaj monumentoj en la jaro 1874.

Tiam la restarigo komenciĝis. La aktuala pinto de la abatejo estis konstruita.

La abatejo iĝis denove kulto-loko ekde 1922, la religiuloj restadas tie ekde 1969.

Do, dimanĉe la 16an de majo la postkongresanoj vizitos tiun grandiozan lokon. Ili malkovros la praan kriptonN.D de Subtero. Okcidentflanke ili vizitos la tri nivelojn de la romanika abatejo, la preĝejon — 78 metrojn super la maro — kaj la dormejon de la monaĥoj. Sube staras la promenado-halo, kies volboj datumas de la jaro 1136. Malsupre la ĉambro de la Aquilon — dekunua jarcenta — atendos ilin. Ĝi estis eble la primitiva almozo-ĉambro.

Nordflanke de la Monto staras la grandioza gotika abatejo la "Mirindaĵo" konstruita laŭ la normanda arto fine de la dekdua jarcento, komence de la dektria. En la supra etaĝo la postkongresanoj trairos la klostron, kies 4 galerioj baziĝas sur 227 kolonoj kaj vizitos la manĝejon — elfinitan en la jaro 1217 — lumigitan fare de 59 fenestroj.

La salono de la Gastoj situas je la meza etaĝo, same kiel la ĉambrego de la kavaliroj. Tie la unuaj asizoj de la ordeno de la kavaliroj okazis, jaron 1469.

La vizitantoj ankaŭ malkovros en la malsupra nivelo la provizejon kaj la pastrejon. En tiu lasta salono 5 skizoj prezentas la insuleton kaj la abatejon dum diversaj epokoj.

La Monto Sankta Mikaelo atestas pri la genio de siaj konstruintoj. Malgraŭ la militoj , la ŝtormoj ĝi fiere superstaras sian golfeton ekde mil jaroj.

Bonvenon en tiu mirinda loko.

Jean Rolland

# Mapo de Le Mans



# Trajno "Esperanto" Kaj iom da historio pri tio

*(komparu la informon en IF 98.4)*

Antaŭ kvar jardekoj sukcesis nia pola kolego Erazm Nawroski, ke pola oceanŝipo ricevu la nomon "Zamenhof". Inspirite de tio, en la okdekaj jaroj la tiama prezidanto de IFEF, J.Giessner, havis la ideon, nomumi internacian trajnon laŭ d-ro Zamenhof aŭ Esperanto. Tiam, ni havis la du potenc-blokojn. La preparado de la IFEF-kongreso en Katowice kaj poste ties aranĝado mem, same kiel la UK en Varsovio, ambaŭ en 1987, donis plurajn okazojn por lanĉi tiun ideon. Okazis akceptoj ĉe direkciaj prezidantoj kaj eĉ ĉe Ĝenerala Direktoro de PKP. Oni kelkfoje, decidis proponi trajnon inter Pollando (PKP) kaj Federacia Respubliko Germana (DB) tra Germana Demokrata Respubliko(DR). Bedaŭrinde nenio okazis.

Post kelkaj jaroj, jam post la malapero de la tielnomata Fera Kurteno, denove venis okazoj, kiam Giessner, intertempe Honora Prezidanto de IFEF, kelkfoje partoprenis en jarkunvenoj de la polaj fervojistoj. Ĉiam ĉeestis direkciaj prezidantoj kaj ĉiuj promesis sian helpon por realigi tiun ideon. Pere de la prezidanto en Katowice eĉ estis aranĝita speciala akcepto de Giessner kun polaj funkciuloj ĉe la Ĝenerala Direktoro de PKP. Estis rezulto promesplena. Tamen nenio okazis. Raporto pri ĝi aperis en IF.

Venis jarkunveno de la rumana asocio de IFEF en 1996, kiun Giessner partoprenis. Oni denove parolis pri tiu ideo, kaj sekve de tio, Giessner sendis leteron kun necesaj indikoj al inĝ.I.V. Leancu, kiu gvidas la rumanan FISAIC-sekcion kaj, kiu siatempe fariĝis Ĝenerala Direktoro de la Rumanaj Ŝtataj Fervojoj . En 1997 Giessner denove ĉeestis la rumanan jarkunvenon en Vatra Dornei. Tie inĝ. Leancu promesis plenumi la peton, kaj venis la rezulto, ke nun la trajnparo nr-o 1623/24 inter la urboj Bucuresti kaj Sibiu portas la nomon "Esperanto". Estas ja enlanda trajno, sed estas bona komenciĝo. La esperantistoj en la tuta mondo devas speciale danki al inĝ. Leancu por tiu fakto, ĉar li estis la unua, kiu plenumis sian promeson. Sed la danko apartenas ankaŭ al ĉiuj gvidaj personoj de SNCFR, kiuj kontribuis en tiu afero.

Giessner

# Fervojmuzeo eldonas jarlibron

" Norsk Jernbanemuseum " ( Norvega Fervojmuzeo) eldonas, kune kun " Jernbanemuseets venner " ( La amikoj de la Fervojmuzeo) jarlibrojn.
En 1981 eldoniĝis la unua jarlibro, kaj ekde 1991 ili fariĝis pli grandaj.
La kontribuaĵoj, la plej multaj kun bildoj, temas ne nur pri la aktivecoj en la fervojmuzeo-konservado, kaj registrado kaj arkivado de vagonoj, lokomotivoj, ĵurnaloj, libroj, bildoj kaj aliaj objektoj, sed ankaŭ pri la konstruado de la fervojoj en Norvegio kaj okazaĵoj en la fervojo.

*Sekvo paĝo 7*

# Denove bonrezulta jarkunveno en Rumanio

Jam la naŭan fojon la juna rumana landa IFEF-asocio okazigis jarkunvenon, ĉifoje en la alloga urbo Sibiu. Alvenis pli ol cent partoprenantoj el tuta Rumanio vendredon, la 21an de aŭgusto. La aranĝo okazis sub patroneco de inĝ.A.G Marinescu (Ŝtata Sekretario de la TransportMinisterio) kaj Dr.inĝ.V.Simut (Prezidanto de SNCFR). Flanke de FISAIC kaj de IFEF ĉeestis Honora Prezidanto J.Giessner, kiu fake prelegis pri la historio kaj evoluo de la Horaro. Tiamaniere tiu kunveno fariĝis "bilaterala" (duflanka) german-rumana FISAIC-aranĝo. Kiel ĉiam ĉeestis ankaŭ la gvidanto de la rumana FISAIC-sekcio, inĝ.I.V.Leancu (vidu la artikolon pri trajno "Esperanto" en ĉi-tiu numero).

Sub la lerta gvidado de inĝ. Tampanariu la diverspeca programo akurate estis plenumita. La lokomotivejo kun siaj salonegoj estis taŭga kunvenejo. La urbo akceptis delegacion en la urbodomo en amika etoso. En la laborkunsido la estraro estis nove elektita por 3 jaroj sub gvidado de la ĝisnuna prezidanto inĝ.Stefan. Dipl. inĝ. S.Porupoa prezentis renovigitan statuton, kiu post vigla diskutado estis akceptita.

Enprogramita estis vizito en unika najbara subĉiela muzeo de domoj, muelejoj kaj aliaj konstruaĵoj el tuta Rumanio. Vere interesega kolektado de 176 objektoj. Ne mankis interkona kunveno kaj gaja vespero kun bongustaj manĝaĵoj kaj trinkaĵoj, balo kaj danckonkurso.

Apartan dankon ni denove ripetas al la gvidaj personoj de SNCFR nome de IFEF kaj la esperantistaro, ke ili donis nomon "Esperanto" al la trajnparo 1623/24 inter Bucuresti kaj Sibiu. Unu el ili, la anstataŭanto de la prezidanto de SNCFR, inĝ. Basile Dincescu, ĉeestis kun sia edzino dum la tuta kunveno. Li certe gajnis bonan impreson pri la ideo de Esperanto, la agado de la fervojistoj kaj la etoso inter ili.

La Honora Prezidanto sugestis al li, ke oni eble venontjare povos trovi internacian trajnparon, al kiu eblus doni la nomon "Esperanto".

Entute tio estis bonrezulta jarkunveno, al kiu valoris partopreni.

Jogi

---

*sekvo de la paĝo 6*

Parto de la jarlibroj temas pri la aktivecoj de la amikoj de la fervojmuzeo, kiuj, ja ekonomie, apogas la fervojmuzeon.

Antaŭ kelkaj jaroj, por la Amikoj de la Fervojmuzeo, oni komencis rekonstrui trajnon kun malnovaj vagonoj kaj la lokomotivon " Caroline " konstruitan en Newcastle en 1861 kaj ekutiligitan en Norvegio en 1862. Tio estis la plej multe kosta afero.

En la jarlibroj aperis informoj pri ĉi tiu rekonstruado, kiam ĝi okazis. Esperanto estas priskribita en pluraj jarlibroj jene " La Fervojmuzeo bone konatiĝis pere de la neŭtrala esperanta lingvo".

Ankaŭ vi, lernu ĉi tiun logikan lingvon, kaj apliku ĝin en viaj internaciaj rilatoj kaj dum vojaĝoj eksterlandaj !

Odd Kolbrek

# GEFA-jarkunveno 1998

Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) okazigis inter la 9a kaj 11a de oktobro 1998 sian 42an jarkunvenon en la roman tika urbeto Linz ĉe Rejn-rivero. La inviton sekvis preskaŭ 70 membroj kaj geamikoj, inter ili ankaŭ eksterlandaj gastoj. Dum la festvespero bonvenigis la ĉeestantojn la reprezentanto de la Fervoja Socialorganizaĵo, en kies kadro GEFA-anoj agadas.Ili ricevis laŭdon kaj agnoskon pro sia laboro superi lingvajn barilojn per Esperanto. Salutojn transdonis nome de sia landa asocio Johann Geroldinger (Aŭstrio), IFEF- estrarano Hennig Hauge (Danio) Henri Grosjean (Belgio) kaj Emil Tudorache (Rumanio). Briltenoro Ludwig Fluck prezentis gajajn kantojn, kies tekstojn GEFA-prezidanto Joachim Giessner lerte estis tradukinta. Poste la duopo "Belsono" stimulis al dancado per agrablaj melodioj.

GEFA-estraro kaj distrikto-komisiitoj okupiĝis en laborkunsido pri pasintaj kaj venontaj aranĝoj, sed precipe pri la ne tro esperiga estonteco de la asocio. Membroj maljuniĝas, junuloj mankas. Varbado atingas apenaŭ gekolegojn de la privatigita fervojo kaj ties multnombrajn filiojn/kompaniojn. Tamen ekzistas ankaŭ positivaj perspektivoj, ekzemple la modela kunlaboro kun la Internacia Fervojunio (UIC) koncerne la tradukendajn fakterminojn.

La partoprenantoj ĝuis ankaŭ la turisman programon. Ili vizitis la mezepokan urbokernon kun multnombraj faktrabaj domoj kaj turoj. Torturmuzeo allogis nur kelkajn. Des pli volonte oni akceptis la proponon gustumi prove diversajn vinojn de tiu Rejnregiono. Malgraŭ la nestabila vetero la ekskursantoj bone atingis per aŭtobuso la iaman benediktinan monaĥejon Maria Laach kun impona abateja preĝejo. Tro rapide pasis la komuna semajnfino. Modele organizis ĝin Erhard Herlitze, Esperanto-komisiito por la distrikto Köln. La jar-kunveno 1999 okazos verŝajne en la nord-okcidenta urbo Mülheim (Ruhr).

W Barnickel (DE)

## UEA ELDONIS GVIDILON POR KREI FAKVORTOJN

***Deviga por fakvortaristoj kaj terminokreantoj***

Altkvalita faka apliko de Esperanto estas esenca kondiĉo por pli rekoni la valorojn de Internacia Lingvo. Sekve, necesas faktekstoj kun taŭgaj fakvortoj, fakvortaroj kun bonaj terminoj. Sed, kie oni komencu? Kie oni trovu fidindajn informfontojn ? Kiujn informojn oni kolektu ? Kiel oni tenu la diversajn lingvojn apartaj, skribu difinojn kaj organizu la tutan termino-kreadan procedon ?

Respondojn al tiuj kaj aliaj demandoj en klara kaj facile komprenebla formo, surbaze de la aktualaj normoj de ISO (Internacia Organizo por Normigado), donas la finnlandanino Heidi Suonuuti, multjara manaĝero de Finna Centro por Terminologio kaj prezidantino de Teknika Komitato ISO/TC 37. La 42-paĝa broŝuro, "Terminologia gvidilo", entenas jenajn ĉefajn ĉapitrojn :

1. Nocio-analizon,
2. Difinojn,

   (Multaj ekzemploj klarigas la sisteman karakteron de difinoj, montras la necesan koncizecon kaj prezentas nekontentigajn difinojn).
3. Terminojn,
4. Harmoniigon de nocioj kaj terminoj

Sekvo paĝo 9

# Jarkunveno en Aŭstrio

De la 2a ĝis la 4a de oktobro 1998 okazis jarkunveno de Aŭstria Fervojista Esperanto-federacio (AFEF) en la urbo Wels (Alta Aŭstrio). Partoprenis ĉirkaŭ 30 gekolegoj. Kelkaj reprezentantoj de IFEF ĉeestis, nome Inĝ. István Gulyás vicprezidanto, Ernst Quietensky sekretario kaj Jean Ripoche redaktoro.

Post kutima kaj agrabla interkona vespero okazinta vendrede, sabate matene fariĝis la laborparto de la jarkunveno. La prezidanto Walter Huber, post salutoj de la gastigatoj kaj de la eksterlandanoj, prezentis la diversajn aktivadojn faritajn dum la du pasintaj jaroj.



La partoprenantoj dum la vizito de la urbo Wels

Posttagmeze, ni vizitis gravan fervojan nodon nomatan "Terminalon pri vartrafiko " en la urbo Wels.

Gvidataj de la stacio-estro, ni eksciis pri la diversaj manieroj rele veturigi varojn tra tuta Eŭropo. Temas pri :

- interŝanĝebla vagonkesto kaj Kanguru-remorko (ne-akompanata sistemo),
- "rulanta ŝoseo" (transportata en pasaĝero-vagono, la ŝoforo akompanas sian kamionon).

Kompreneble, kiel fervojistoj (kaj kiel privatuloj) ni aplaŭdas tiujn iniciatojn prizorgantajn la aermedion, la securecon, la ĉiutagan vivon ktp... sed laŭ la informoj ricevitaj de nia ĉiĉerono, tiu lasta sistemo (rulanta ŝoseo) baldaŭ malaperos pro libereco de la kamiono-trafiko en plilarĝigita Eŭropo.

Vespere ni ĉeestis prezentadojn de lumbildoj pri gravaj momentoj de AFEF.

La jarprogramo daŭris dimanĉe per antaŭtagmeza komuna vizito tra la historia parto de Wels. Historie valoraj tie estas fasadoj de pluraj historiaj urbaj domoj kun-elstukaj ornamaĵoj.

Kontentaj per multaj rememoroj pri belaj travivaĵoj en amika rondo kaj en interesaj elmontraĵoj, forveturis partoprenantoj dimanĉe, posttagmeze al siaj hejmoj, dankante aŭstriajn gastigantojn pro la bone preparita renkontiĝo kaj la interesaj vizitoj.

La Red

*Sekvo de la paĝo 8*

Por internacia terminologia laboro precipe gravas, ke harmoniigo de nocioj ĉiam inkludu komparon de diversaj nocio-sistemoj kaj neniam inkludu rektan transigon de unu nocio-sistemo al alia lingvo.

5. Etapojn de terminologia projekto
6. Terminografion

Aldonitaj estas vortareto de terminologio kaj elprenebla faldfolio kun la plej gravaj 38 paŝoj en la terminologia laboro.

La gvidilo estis origine verkita laŭ komisio de NORDTERM, komuna asocio de terminologiaj organizoj en Nordio. La Esperanto-version preparis Terminologia Esperanto-Centro de UEA kunlabore kun la aŭtorino

*Recenzis Detlev Blanke kaj Heinz Hoffmann.*

Heidi Suanuuti (1998): Terminologia gvidilo. El la angla tradukis Sabine Fiedler. Redaktis Wera Blanke. Rotterdam: UEA. 38+4 paĝoj. ISBN 92-9017-057-3. Prezo: 12,00 guldenoj. (Rabato je triona ekde 3 ekzempleroj).

# Jarkunveno de Ĉeĥa L.A. de IFEF

Ĉeĥa L.A. de IFEF en kunlaboro kun Landa Konsilio de FISAIC ČD aranĝis en la tagoj 25a ĝis 27a de septembro 1998 en la nordĉeĥa urbo Liberec sian 32-an jarkunvenon. Inter eksterlandaj gastoj estis ankaŭ honora prezidanto de IFEF s-ro Per Engen el Norvegio.



*Unu el la grupoj dum trarigardo de la fervoja stacio en Zittau. La tria de dekstre estas honora prezidanto de IFEF Per Engen.*

En la raporto pri la aktiveco en la pasinta unujara periodo, kiun prezentis la prezidanto Jindřich Tomíšek, oni substrekis kontentigan laboron de la sekcio, precipe la fakton, ke dank'al al du malfermaj leteroj kaj alia varbado oni sukcesis realtigi la nombron de la IFEF-membroj kaj abonantoj de IF ĝis 65 kompare al lastjaraj 34. Post pristudo de Laborplano 1998-2000 koncerne Kampanjon 2000 oni decidis agadi en la sekvonta du-tri jaroj laŭ la ĝeneralaj celoj de tiu ĉi Kampanjo.

Interesa prelego "Fremda, tamen nia" fare de la prezidanto interkonatigis la aŭskultantojn kun historio kaj nuntempo de la neordinara fervoja linio Liberec-Zittau, itineranta de liberec en Ĉeĥio tra parto de Pollando ĝis Zittau en iama Saksujo, nuntempe parto de Germanio.

Dum sabata posttagmeza ekskurso oni komune travojaĝis la menciitan linion per trajno de Liberec ĝis Zittau. Tie ĉi oni dividis sin en du grupojn laŭ intereso, post trarigardo de la fervoja stacio en Zittau. La unua grupo vizitis la urbon kaj rigardis proksiman vilaĝon Ronov, la dua traveturis en historia trajno kun vaporlokomotivo 99 758 la tutan mallarĝŝpuran fervojan linion de Zittau ĝis Oybin Kurort kaj reen. La tuta linio longas 13,5 km-ojn, larĝoŝpuro estas 750 mm kaj permesita rapideco de la trajnoj 25 km/h. La trakciadon prizorgas privata kompanio Saksa Oberlaunter Eisenbahn je plena kontento de la loka loĝantaro kaj multaj gastoj de tiu ĉi tre bela regiono.

Sed ankaŭ vesperaj kulturprogramoj kaj dimanca antaŭtagmeza ekskurso tra la urbo Liberec kontentigis la partoprenantojn.Oni decidis, ke la venontjara Printempa konferenco kun plejparte turisma programo okazos en aprilo en sudmoravia f'olklora urbo Strážnice, la jarkonferenco verŝajne fine de septembro en la sudĉeĥa historia urbo Tábor.

Jindřich Tomíšek,

# Konferenco honore al Eugen Wüster

Sub la kadra temo "Faka kommunikado kaj scio-transdono -ProCom'98", de 24-a ĝis 26-a de aŭgusto 1998 en Vieno okazis "duobla konferenco" organizita omaĝe al Eugen Wüster (1898 - 10-03 ...1977-03-29) okaze de centjariĝo de lia naskiĝo. Eugen Wüster ja estas la fondinto de terminologio-scienco kaj tre grave kontribuis al planlingvoj (interalie "Enciklopedia Vortaro", Esperanto-Germana).

Verŝajne la unuan fojon en sia historio, Esperanto estis bone reprezentata, kaj ĝiaj fakuloj ludis aktivan kaj plene akceptitan rolon ĉe prestiĝa internacia konferenco en la medio de terminologio-scienco.

La konferencon kunorganizis interalie Universala Esperanto-Asocio kaj la germana "Societo pri Interlingvistiko".

Kvar lingvoj estis oficialaj : angla, germana, franca kaj Esperanto. Kompreneble regis la angla, iom ludis rolon la germana. La francan kaj Esperanton oni uzis nur po unu prelego.

En la sekcio 3 de la konferenco - "Terminologio scienco kaj planlingvoj" -estis prezentataj jenaj prelegoj :

1. "Problemoj de la organizado de terminologiaj aktivecoj en Esperanto" (Wera Blanke)

2. "Pri la prezento de latinaj kaj grekaj propraj nomoj en la Enciklopedia Vortaro de Wüster" (Otto Back)

3. "Eugen Wüster kiel leksikografo : rolo kaj prezento de frazeologio en la Enciklopedia Vortaro Esperanto-Germana" (Sabine Fiedler)

4. " Eblecoj de planlingvo ĉe inter-lingvaj nocio-diferencoj -ĉe la ekzemplo de fervojaj terminoj" (Heinz Hoffmann)

5. "Principoj de la multlingva forstscienca vortaro, Lexicon silvestre' " (Karl-Hermann Simon)

6. "Nomoj de plantoj kaj bestoj en Esperanto : la konceptoj de Wüster kompare kun tiuj de aliaj terminologoj" (Wim de Smet).

7. "Pri la planlingva postlasaĵo de Eugen Wüster en la Aŭstria Nacia Biblioteko" (Herbert Mayer)

La prelegoj 4 kaj 5 traktis terminologiajn problemojn de speciala fako cele krei taŭgajn fakvortarojn. En forstfako agas d-ro Simon kun internacia grupo da forstfakuloj sur vojo al Eugen Wüster. El ties ekkonoj estiĝis la principo, ke la bazo de terminologia laboro estu nocioj, do homaj ideoj pri objektoj kaj okazoj. Nomoj, terminoj estu la sekundaraĵo. Laŭ tiuj ekkonoj la grupo ellaboras forstfakan leksikonon "Lexicon silvestre". Ĝis nun estas prezentita 1-a parto en 10 lingvoj. En la Esperanto - versio estas fiksitaj la en faklingvo alstrebendaj laŭnormaj terminoj jam por ĉirkaŭ 2000 nocioj.

En fervojfako ekzistas granda terminaro de Internacia Fervojunio (UIC). En ĝi troviĝas Esperanto kiel unu el 14 lingvoj. Sed la terminaro estiĝis bedaŭrinde sen konsideri la principojn de Wüster. Tio kaŭzas multajn miskomprenojn pri nocio-enhavoj de terminoj, precipe pro inter-lingvaj nocio-diferencoj. Nur ekde 1995 UIC donas al novaj terminoj difinojn internacie validajn. La terminara sekcio de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (sekretario d-ro Hoffmann) kiel ano de nova terminologio - grupo de UIC klopodas kontribui por paŝe internacie harmoniigi gravajn fervojfakajn nociojn. Esperanto relative bone taŭgas por tia harmoniigo -ne nur pro la avantaĝoj de planlingvo, sed ankaŭ pro la fakto, ke ĝi ne estas lingvo de naciaj leĝoj kaj reglamentoj kaj pro tio permesas krei terminojn sen obei al nure naciaj difinoj.

Per tiuj laboroj kun aliaj fakuloj, esperantistoj paŝe kreas sian agnoskon kiel egalvaloraj partneroj kaj la ekkonon, ke Esperanto estas serioza komprenilo.

Estis tre ĝojige konstati, ke ankaŭ en diversaj prelegoj de neesperantistoj estis menciata la laboro de Wüster por kaj pri Esperanto kaj la influo de planlingvoj al lia scienca verko. Tion ankaŭ tre bele montris la ekspozicio "la Vortigo de la mondo - la Ordigo de la scio" pri la vivo kaj verko de Wüster.

Heinz Hoffmann

Karl-Hermann Simon

# Debrecen gastigis la fervojistojn

La fervojistaj esperantistoj en Debrecen jam delonge ne aranĝis en sia urbo la tradician Landan Amikan Renkontiĝon, ja, la lastan fojon ĝi okazis en la jaro 1978, eĉ tiam ĝi kulminis koncerne la nombron de la partoprenantoj : 500 ĉeestis al tiu kunveno. Ĝuste 20 jaroj pasis depost tio.

Ĉijare la lokaj esperantistaj gekolegoj invitis nin, kaj sekvis febra organiza laboro de la lokaj gekolegoj.

La 4an kaj la 5an de julio (sabate kaj dimanĉe) okazis la renkonto. La organizantoj invitis ankaŭ eksterlandajn gastojn el la najbaraj landoj. El la invititoj tri landoj (Aŭstrio, Ĉekio, Jugoslavio) ĉeestis po du reprezentantoj . Kvindek ok ĉe-estantoj utiligis la bon etosan dutagan kuneston.

La gastoj ricevis modestan, tamen belaspektan kaj indan porokazan insignon, skriban programon kaj prospekton.

Nia unua programero estis la florkronado de Zamenhof-memortabulo sur la ekstera muro de la Regiona Fervojdirekcio. Post tiu ĉi mallonga solenaĵo, ĉiuj iris al la konferencejo de la Fervojdirekcio, kie la direktoro aranĝis akcepton al la estraro, delegitoj kaj eksterlandaj gastoj. La direktoro varmkore salutis la gastojn kaj koncize konigis la taskojn, karakterizajn laborojn, rezultojn, problemojn de la loka Fervojdirekcio. La prezidanto, István Gulyás, respondis al la saluto, kaj li informis la direktoron koncerne la fervojistan Esperanto-movadon, taskojn, agadterenon, emfazante precipe la fakan agadon, same la kunlaboron de IFEF kun UIC sur la fervoj faka agadtereno. Agrabla babilado sekvis la salutvortojn. Post iom da tempo, la direktoro adiaŭis nin, sed ni restis por oficiale kunsidi.

S-ro István Gulyás prezidis la kunsidon. Li salutis la eksterlandajn gastojn, la reprezentanton de HEA laŭnome, la delegitojn de la fakgrupoj. Li laŭtlegis la salutleterojn alvenintajn el Aŭstrio, Germanio kaj Jugoslavio. La ĉeestantoj primemoris la lastatempe mortintojn kaj honoris ilin per unuminuta silenta ekstaro (nome, kronologie András Krasznavölgyi, 93jara, membro en Nyíregyháza, s-ino Edit Dombóvári, 50jara, membro en Budapest, Istsván Kovács, 96jara membro en Debrecen ; eĉ antaŭnelonge mortis s-ino Erna Hauge, diligenta kaj entuziasma aktivulo kaj " Honora Membro de IFEF ").

La sekretario de la estraro prezentis la jarraporton de la estraro pri la 1997-a agado. Pri la internaciaj agado kaj kontakto raportis István Gulyás. En tiu kadro li detale informis pri okazintaĵoj en la 50a, la jubilea kongreso de IFEF.

La delegitoj kontente akceptis kaj aprobis ambaŭ raportojn.Post la raportoj unue la eksterlandaj gastoj alparolis kaj transdonis la bondezirojn de sia landa asocio, nome s-ro Leopold Patek en la nomo de AFEF, s-ino Elizabeta Hlauschek nome de E-programo de ORF, s-ro Ladislav Làni nome de FS de Ĉeĥa kaj interpretis la salutojn de slovakaj gekolegoj, s-ro Ludoviko Szekeres en la nomo de YAFE.

Post la eksterlandaj gastoj pluraj

delegitoj alparolis. Inter ili s-ino Elizabeta Ködmön anoncis la organizadon kaj aranĝon de la 32a Landa Amika Renkontiĝo en urbo Tata (1999), kaj estis anoncita la aranĝon de la 33a en urbo Zalaegerszeg (en jaro 2 000).

Posttagmeze la ĉeestantoj per speciala aŭtobuso ekskursis al kalva stepo Hortobágy. Ni povis plezuri en la pli ol ducent kvindek jara ĉardo de Hortobágy, kiu prezentas la loĝejkonstruan stilon de la kamparo de la Granda Ebenaĵo. Karakteriza estas ĝia volba verando. Ni vidis la faman ponton de Hortobágy portantan la titolon "Naŭtra Ponto", (la ponto havanta naŭ truojn), kiu interligas la bordojn de la rivero Hortobágy. Oni konstruis la ponton komence de 19a jarcento.

Ni akiris grandan plezuron per la vizito de ĉevalstaloj, kie ni ekkonis la bredadon de ĉevaloj. Ni vizitis muzeojn, kie oni prezentis la faŭnon kaj la flaŭron de la regiono, en ceteraj ni vidis la vivon, ilojn de iamaj paŝtistoj kaj ŝafistoj, kamparistoj. Ŝajnis al ni, ke rapide forflugis la tempo, pro la intereso kaj plezuro ; kordolore ni adiaŭis ilin.



Vespere la restoracio de la stacidomo estis rezervita por nia aranĝo, kie per bongusta festa vespermanĝo ni forigis nian malsaton; per biero, vino aŭ suko - ĉiu laŭ sia gusto - "gargaradis" sian gorĝon kontraŭ la soifo. Agrabla muziko tiklis niajn plandojn je dancado ĝis noktomezo, eĉ plu.

Dimanĉe, historiaj kaj arkitekturaj konstruaĵoj, vindindaĵoj riĉigis nian travivaĵon. Ni kolektiĝis antaŭ la hotelo "Ora Taŭro". La gvidanto de nia urbovizito estis Tibor Papp, eminenta kaj entuziasma esperantisto, samkaraktera ĉiĉerono. Tro entuziasme li klarigis la vindindaĵoj, ĉiam spicite per iu aktuala epizodo, anekdoto.

Estis neforgeseblaj travivaĵoj la vizito al la fama "Reformacia Kolegio", al ĝia muzeo, kiu prezentas la kulturhistorion de Transtisio, ekleziajn ilojn, trezorojn, relikvaĵojn, instruadajn vidigilojn ; faman kaj riĉan bibliotekon de la kolegio, la kodeksojn, prapresaĵojn, Bibliojn en multaj lingvoj kaj tradukoj. En la oratoriejo eĉ nuntempe okazas lernejaj solenaĵoj.

La kulmino de nia urbo-vizito estis la vizito de la muzeo Déri. Pro la manko da tempo ni povis viziti nur unusolan ekspozician salonon, sed ĝi estis neforgesebla travivaĵo : ni spektis la trilogion de la mondfama hungara pentroartisto Mihály Munkácsy sub la titoloj : 1. Kristo antaŭ Pilato (1881), 2. Golgoto (1884), 3. Jen, la homo (1896).

La ĉeestantoj de la 32a Landa Amika Renkontiĝo povis partopreni en ne ĉiutaga travivaĵo, en tia travivaĵo, kiun - relative - tre malmultaj sukcesis akiri en la mondo. Ni plezuris ĉe la mondfama trilogio de pentroartisto Mihály Munkácsy, ja, ĉi tie kaj nun estas, la unuan fojon, ekspoziciata kune la trilogio de Munkácsy.

Sinceran kaj koran dankon al niaj gastigantaj samideanoj en Debrecen.

János Patay

# 13-a Ekumena kongreso de IKUE-KELI en Nantes

Toleremo, repacigo, libereco estis la temo de la 13-a Ekumena Esperanto-Kongreso, kiu okazis en Nantes, Francio, 25.VII.-1.VIII.1998. Estis samtempe 51a kongreso de IKE kaj 47a de KELI. Inter la partoprenantoj el 16 landoj kaj diversaj kristanaj religioj estis ankaŭ kelkaj fervojistoj (IFEF-membroj) kaŭze de moderaj kostoj de la restado kaj eblo uzi preskaŭ senkostan vojaĝeblecon uzante FIP-bileton.

La enhavo rilatis al la Nantes-edikto (1598) kaj la Dua Ekumena Kunveno en Graz (23-29.VI.1997), ambaŭ faktoj tre gravaj en la historio.

Kvankam la partoprenantoj apartenis al katolika kaj diversaj kristanaj religioj, la religia toleremo inter la partoprenantoj (laŭ miaj spertoj) estis centprocenta. Tiuj, kiuj ne emas toleri la aliajn, ne alvenis. Estas vera tragedio de la homaro, ke ĝis nun tiaj netoleremoj multas en la mondo.La esperantistoj faris jam la unuan paŝon, pri kiu atestas jam la 13-a IKUE - KELI Kongreso.

La programo de la kongreso estis varia kaj ne konsistis nur el preĝoj, diservoj kaj meditado. Krom multaj interesaj prelegoj kaj diskutoj en laborgrupoj, jarkunvenoj de KELI kaj IKUE kaj naciaj jarkunvenoj okazis ekzemple ĉiutagaj jogo-ekzercoj, folklora dancado, komuna kantado de religiaj eĉ aliaj kantoj kun Adolf Burkhardt kaj Albrecht Kronenberger. Oni ankaŭ trovis tempon por distraj programeroj kaj gaja adiaŭa vespero en la kongresa salono en Les Naudières, iama seminario.

Dum ekskursoj oni vizitis kastelon kaj ekspozicion pri la Edikto de Nantes, partoprenis imponan koncerton de la preĝeja muziko en la preĝejo de Saint Donatien en Nantes, vizitis bazilikon de Sankta Louis-Marie de Montfort en St. Laurent sur Sèvre, Muzeon de la Francaj Protestantoj de L'OUEST, sed ankaŭ plaĝon sur bordo de Atlantika oceano k.t.p.

La venonta 14-a Ekumena Kongreso de IKUE-KELI okazos en Gliwice, Pollando 7-14 aŭgusto 1999, do tuj post la UK en Berlino. La kongresloko estas facile atingebla per trajno el ĉiuj partoj de Eŭropo. Samtempe kaj samloke okazos la 3-a Junulara Esperanto - Tendaro JET'99.

Aliĝilojn kaj informojn oni povas peti de s-ro St. Mandrak, str. Kormoranów 39/16, PL -44114 Gliwice, Pollando.

Raportas : Jindřich Tomišek

# *Kontribuaĵo de REFA dum 50-a IFEF-kongreso*

Pluraj rumanaj esperantistoj plenumis diversajn artajn programerojn dum la 50-a IFEF-kongreso en Aalborg. Jen kelkaj el ili.

- Fama rumana esperantista fervojista pentristino nomata Ana Rusu faris ekspozicion per diversaj pentraĵoj pri naturo, kiujn ŝi eksponis en salono por akceptado de la partoprenantoj ĉe IFEF-kongreso. La atestanto estis eĉ s-ro Hauge, kiu kreis tutajn kondiĉojn. Dankon pro lia granda helpo.

-Rumana delegacio donis spektaklon kadre de kongreso. Estis du bonegaj muzikistoj (violonisto kaj akordionisto) kaj unu kantistino, kiu esperas ke eĉ vi mem aŭdis. Eĉ estos bone, ke en via asocio oni povos aŭskulti kaj vidi ilian agadon. Mi opinias, ke se mankus la nombra rumana delegacio la etoso de I.F.E.F. kongreso malpliiĝos, precipe, mi certas, ke estontece la centro de la fervojista movado translokiĝos en Oriento.

Stephan Mihail



## Gratulon

La 01an de januaro 1999 honora prezidanto **Per Engen** iĝis 75 jaraĝa. Li fariĝis esperantisto, kiam li estis tre juna knabo. En jaro 1980 Per Engen transprenis la taskon de vicprezidanto kaj en 1990 la postenon de prezidanto de IFEF.



*Gratula publikaĵo pri 70 jariĝo de* ***Johann Geroldinger***
*Römerg l9, A-4072Alkoven/Linz*
*au: Poschacherstr.3, A-4020 Linz.*

**Johann Geroldinger "IFES-patro" 70-a**

Li naskiĝis : 24.12.1928 en Linz/D.
kaj esperantiĝis : 1950
E-funkciulo ekde :1952
- sekretario de AFEF-ĉefsekcio Linz
- gvidanta estro de AFEF-ĉefsekcio Linz "
- kelkjara IFEF-komitatano kaj UEA-fakdelegito
- iniciinto de la IFEF-emblemo (1958/59)
- iniciinto kaj multjara organizinto de skisemajnoj (IFES kaj LES)
- kunaganto pro la Zamenhofstrato en Linz 1958
- iniciinto de la Esperanto Monumento de Linz (1960-1965 ofertis pli ol 2000 libertempajn horojn)
- gvidis E-kursojn por la fervojistaj lernantoj (1960-1963)
- organizis kaj kunorganizis naciajn kaj internaciajn kongresojn, kunvenojn kaj feriajn semajnojn ktp...
- organizis koncertajn vojaĝojn eksterlanden
- organizis unikan koncerton de la MAV-Philharmonikus
- Debrecen en Linz 1960/61 (kun multaj malfacilaĵoj pro "fera kurteno")

***Honorigoj:***

1966 arĝ. meritinsigno de la respubliko Aŭstria
1967 ora FISAIC -medalo
1983 arĝ. meritinsigno de liglando Supra Aŭstrio
1987 kultura medalo de la urbo Linz.

***Plej sincerajn dankojn kaj gratulojn al la jubileoj***

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1999.1
51a eldonjaro

Dumonata fervojfaka
revuo en Esperanto
kaj organo de
Internacia Fervojista
Esperanto-Federacio.

**Redakcio :**
Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72 230 Arnage
Tel /Fakso +332 43 21 16 39

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO -FEDERACIO**
**Sekretario :**
Ernst Quietensky
Pappenheimgasse 70/3
AT/1200 Wien

**Kasisto :**
Henning Hauge
Banegårdspladsen
DK-9700 Brønderslev
Tel +45 98 80 15 99
Fakso +45 98 80 25 99

**Danapoŝtĉekkonto :**
1 25 80 36 IFEF
Banagårdspladsen 14
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝĉekkonto
el eksterlando, aldonu
15 DKK por poŝtelspezoj)

**Dana bankkonto :**
3717 03 4856, Den Danske
Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto
aldonu 25 DKK por
bankelspezoj).

**Svisa bankkonto :**
471-02, Thurgauische
Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝĉekkonto :**
CH-85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladen 14,
DK-9700 Brønderslev

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo
julio, septembro, novembro.

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Huerma 12 rue de Palestine
FR-75012 Paris
ISSN 1397-4270

En IF-1998.5, ni rilatis pri **"Trilingva terminaro de kombinita trafiko"** tradukita Esperanten kaj Serben de Magistro Gvozden Sredić. Tiu interesa libro estas vendata ĉe U.E.A. Prezo : 12,00 nederlandaj guldenoj plus sendokosto



## Filatela anonco

Mi serĉas tutaĵon eldonitan okaze de la 47-a IFEF-kongreso en Pecs (Hungario) en majo 1995.
Interŝanĝo eblas.

J.P. Ducloyer
1 Allée Kernisy
FR- 29 000 Quimper Francio

## Fervoja Koresponda Servo

S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati



Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.

Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.
Se tio ne eblas, aldonu poŝtmarkojn vendeblajn en Rumanio.